# BULTENO

DE

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

KAJ DE

# SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

(T. V.)

**N° 5. — Januaro 1927.**

Tiu Bulteno estas sendata senpage al la membroj de I. S. A. E. kaj al la kunlaborantoj de la Sekcio de T. V.

**Unu numero :** *0,1 dolaro.* — **Jarabono :** *0,5 dolaro.*
(Vidu por **kotizo al I. S. A. E.** la trian paĝon de la kovrilo malsupre.)




REDAKTEJO :

S-ro ROLLET DE L'ISLE
Generala Sekretario de I. S. A. E.
**35, Rue Du Sommerard**
**PARIS, France**

ABONEJO :

S-ro C. ROUSSEAU
Kasisto de I. S. A. E.
**4, Place de la République**
**LEVALLOIS-PERRET (Seine), France**

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(FONDITA EN 1906)

## PATRONADA KOMITATO

(en formado)

APPELL, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, honora rektoro de la Pariza Universitato.

DANIEL BERTHELOT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

BIGOURDAN, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Horo.

DESLANDRES, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Astronomifizika Observatorio.

GUILLAUME, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

JANET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Supera Lernejo de Elektro.

LALLEMAND, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, prezidanto de la Internacia Uniono de Geodezio kaj Geofiziko.

LUMIÈRE (LOUIS), membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

MESNAGER, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PAINLEVÉ, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

CH. RICHET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

EMIL SETÄLÄ, membro de la Finnlanda Scienca Akademio, ministro de la eksteraj aferoj.

J. J. STIELTJES, ĝenerala inspektoro de Nederlandaj Fervojoj kaj Tramvojoj, prezidanto de la « Koninklijk Instituut van Ingenieurs ».

VIKÁR, membro de la Hungara Akademio de Sciencoj.

## ANTAŬAJ PREZIDANTOJ

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PROFESORO SCHMIDT, direktoro de la Magneta Observatorio de Potsdam.

BENOIT, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

PROF. HUNTINGTON, de la Universitato de Harvard (U.S.A.).

J. J. THOMSON, profesoro de Fiziko de la Cambridge'a Universitato.

FORSTER, prezidanto de la Internacia Komitato de Pezoj kaj Mezuriloj.

COTTON, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

# BULTENO
DE
# Internacia Scienca Asocio Esperantista

Nº 5. — JANUARO 1927

## Internacia Scienca Asocio Esperantista

## NOMARO KAJ ADRESARO DE LA MEMBROJ
(Je la 1-a de DECEMBRO 1926)

D. = dumviva membro ; S. = subtenanta membro

### Aŭstralio

S. **Dornbusch** (C. C.), Warwick (Queensland).

### Aŭstrujo

**Biehler** (W.), doktoro de filozofio, Albertstrasse, Graz.
**Halbedl** (Ad.), advokato, 24, Schulgasse, Graz.
**Sirk** (H), doktoro, 26, Baŭmgasse, Wien III.

### Belgujo

**Baesens** (A), ĥemiisto, 16, rue de la Station, Malines.
**Champy** (L.), teknikisto, 19, rue Richard, Anvers.
**Groverman**, advokato, Kasteelstraat, Gentbrugge.
**Hendricx** (V.), inĝeniero, 148, rue Rosendael, Forest-Bruxelles.
**Kempeneers** (P.), doktoro-kuracisto, 20, rue aux Laines, Bruxelles.
**Swalf** (J.), diamantoj, 51, rue Aug. Shieders, Anvers.
**Vandevelde** (C.), ĉef-inĝ. de Belgaj Fervojoj, 230, Zwart Heirestraat, Gentbrugge.

### Britujo

**Beaumont** (F-ino M.), 19, Uppermount Street, Lockwood, Huddersfield.
**Blair** (F-ino E.), instruistino, 74, Rothburry Terrace, Newcastle.
S. **Bryce** (T. H.), konstrua inĝ., 11, Curtis Road, Newcastle.
**Buchanan** (J.), kuracisto, 280 A, Vauxhall Bridge Road, London.
**Buchanan** (A.), desegnisto-inĝeniero, 4, Craiglea Drive, Edinburgh.
S. **Butler** (M. C.), muzikisto, Hart Street, 17, London S. W. 1.
**Cameron** (P. J.), registara oficisto, 69, Schubert Road, Putney London S. W. 15.
**Duncan** (D. R.), ĥemia studento, 84, Haydon's Park Road, Wimbledon, London S. W. 19.
**Fairman** (C. A), entomologiisto, 24, Binfield Road, London S.W. 4.
D. S. **Guéritte** (T.), inĝeniero, 11, Claremont Gardens, Surbiton.
**Hornsby** (R. W.), okulisto, 31, Kingsley Place, Newcastle.

D. S. **Hyams** (S-ino D.), diet-specialisto, 87, South Side, Clapham Common, London S. W. 4.
**Ingham** (H.), ĥemia instruisto, 20 Abercombre, 51, Chesterfield.
**Kodera** (Prof. Renkiĉi), prof. ĉe Takaoka komerca kolegio c/o Japanese Embassy, Portman Square, London.
**Le Brun** (P.), administranto de C[ie] Générale Transatlantique Ltd, 4, Lloyds Avenue, London E. C. 3.
S. **Lechmere-Oertel** (J. O.), inĝeniero, 258, Kingston Road, Teddington (Middlesex).
**Liston** (R. G.), inĝeniera desegnisto, ĉe Macleod, 2, Byres Road, Glasgow-W. 1.
**Luce** (Sir Richard), generala majoro, 42, Friar Gate, Derby.
S. **Mac Cormick** (Fr. R. A.), meĥanika inĝeniero, 5, Mount Eden Road, Dublin.
S. **Marin** (G.), antropologiisto, Whiteway Colony, near Stroud (Glos.)
S. **Martin** (A. A.), doktoro hirurgiisto, 15, Victoria place, Eastbourne.
S. **La Nouvelle Education**, sekr. : S-ino Guéritte, Claremont Gardens, Surbiton.
**Mullholland** (H. P.), matematika studento, Queen's College, Cambridge.
**Olsvanger** (J.), doktoro, 15 Gt. Russel street, London.
S. **Relf** (E. F.), aeronaŭtika inĝeniero, 100, Broom Road, Teddington.
**Savage** (F.), instruisto, 340, Whalley New Rd., Blackburn.
**Simpson** (R. W.), 24, Jesmond Road, Newcastle on Tyne.
**Slidders** (A. A.), sollicitor (notario), 10, Whitehall Street, Dundee.
**Staveley** (W. H.), muzikisto, 20, Garstang Rd., Fulwood, Preston.
**Stredwick** (F-ino M.), 28, Priory Avenue, Hastings.
**Sutcliffe** (F.), fervoja komizo, 223, Prince Consort Rd., Gateshead.
D. **Thompson** (J. H.), ĉef-inĝ. de Dundee'a Haveno, Dundee Harbour Trust, Dundee.
**Warden** (J. M.), 41, Cluny Drive, Edinburgh.
S. **Williamson** (J.), T.S.F.-isto, 114, Duke Street, Leith.
**Wood** (W. R.), oficisto ĉe Ministerio de Laboro, 2, Upton Vale Terrace, Torquay.
S. **Woodriff** (E. W.), scienca studento, 5, High Street, Margate.

## Bulgarujo

**Adjaroff** (M.), medicina studento, Asparuh 1, Sofia.
**Nyerges** (J.), elektro-teknikisto, « Vatcha », Kritchim.

## Ĉeĥoslovakujo

**Drašnar**, oficisto, 166, ul Dêĉina, Staré Mêsto.
**Fischer** (J.), doktoro, prof. pri teologio, Weidenau.
**Hájek** (Fr.), oficisto, Premyslo nabr. 396, Praha-Nusle.
**Ĥromada** (R.), bankoficisto, 333, Socharská, Praha VII.
**Kamaryt** (St.), doktoro, prof. de reallernejo, 3, Telocviĉna, Bratislava.
**Kasaly** (Fr.), profesoro, Telĉ.
**Kesik**, sekr. de Esp. Tablogirlando, Radnica 93 A, Bratislava.
**Krouzil** (V.), inĝeniero, Prumyslovka, Brno.
**Parma** (C.), doktoro kuracisto, Chelĉického ul. ĉis. 4, Moravska-Ostrava.
**Rambousek** (J.), generalo, 22, Nova Strato, Budejovice.
**Rambousek** (V.), ĥemiisto, Zborov, p. Ledenice, apud Ceské-Budejovice.
**Schneider** (Fr.), inĝeniero, Havliĉkova, 17, Praha-Karlin.
**Ulman** (Fr.), doktoro kuracisto, Neklanova, 147, Praha VI.

## Danujo

**Blicher** (M.), libristo, Bredgade, 63, Kopenhavn.
S. **Taumose** (A.), inĝeniero, Mollegade, 25 a, Kopenhavn.

## Estonio

**Grünthal** (J.), fotografisto, Haapsalu.
**de Vahl** (E.), Nikitini, 10, Tallin.

## Finnlando

**Ekström** (J.), inĝeniero elektristo, Kaskisgatan, 12, Abo.
**Hakanen** (T.), studento, Linnankatu, 16, Abo.
**Nederström** (Z.), naturhistoriisto, Kuopio.
**Pesonen** (U.), Ŝtata geodeziisto, Tunturilaaksonk., 13, Helsinki.
**Setälä** (V.), Frederikink, 71-23, Helsinki,
**Väisälä** (K.), matematikisto, Yliopistokatu, 23, Turku.
**Väisälä** (Y.), Univ. prof. de fiziko, Puolalamp, 1, Turku.

## Francujo

**Agache** (A.), arkitektisto, 11, rue Eugène-Flachat, Paris XVII.
**Archdeacon** (E.), yacht Esperanto, 4, quai Carnot, Saint-Cloud (Seine-et-Oise).
**Atanasov** (A. D.), agronomo, 73 *bis*, rue Bobillot, Paris XIII.
**Balliman**, komercisto, 5, rue de Provence, Paris IX.
**Baudet** (A.), inĝeniero industriisto, 19, boul. de Courcelles, Paris XVII.
**Belval** (P.), inĝeniero, 7, rue Beaurepaire, Paris X.
**Bobin** (M.), inĝeniero industriisto, 21, rue Vital, Paris XVI.
**Bonnemort** (M.), komercisto, 1, boul. Montmorency, Paris XVI.
S. **Bréguet** (L.), inĝeniero, 115, rue de la Pompe, Paris XVI.
S. **Bresson**, eks-oficiro, 78, rue de l'Amiral-Mouchez, Paris XIV.
**Breton** (P.), 139, boulevard Saint-Germain, Paris.
**Bricard** (R.), profesoro de matematikoj, 108, rue Denfert-Rochereau, Paris.
**Briquet**, doktoro kuracisto, 31, rue de la Bassée, Lille (Nord).
**Brossier** (F.), asekura matematikisto, 25, rue Trézel, Paris XVII.
**Cot**, inĝeniero hidrografiisto, 200, rue St-Jacques, Paris V.
**Cotton** (A.) prof. de fiziko, scienca akademiano, 18, rue Maurice-Berteaux, Sèvres (S.-et-O.).
**Couteaux** (J.), direktoro de hospitalo, 82, rue de St-Cloud, Boulogne (Seine).
**Cozic** (L.), ŝtata inĝeniero de vojoj, 113, avenue de Paris, Vincennes (Seine).
**Dejean** (P.), prof. de fiziko, 289, cours Saint-André, Grenoble (Isère).
**Delanoue** (G.), direktoro de banko, 4, rue Charles-Divry, Paris XIV.
S. **Dény** (M.), inĝ. industriisto, 20, rue de l'Arc-de-Triomphe, Paris XVII.
**Duchochois** (M.), industriisto, 3, rue de Trie, Boulogne-s-Mer (P.-de-C.).
**Eyrolles** (L.), inĝeniero, 12, rue Du Sommerard, Paris V.
**Flageul**, prof. de stenografio, 9, boul. Voltaire, Issy-les-Moulineaux (Seine).
**Fréminville** (Ch. de), 18, rue Pierre-Curie, Paris V.
**Gaumont**, industriisto (foto-kinemo), 57, rue Saint-Roch, Paris.
**Gramont** (de), industriisto fizikisto, 42 *bis*, av. Henri-Martin, Paris XVI.
**Gratzmuller** (L.), inĝeniero elektristo, 25, rue de Rémusat, Paris.
**Gravier** (C.), scienca akademiano, 21, rue Hallé, Paris XIV.
**Grosjean-Maupin**, direktoro de ŝtata instituto, 56, boulevard des Invalides, Paris VII.
**Groupe Espérantiste Angevin**, pl. des Halles, Angers (Maine-et-Loire).
**Guadet**, prof. de matematikoj, 121, route Nationale, Viroflay (S.-et-O.).
**Guillaume** (C.), direktoro de Oficejo de Pezoj kaj Mez., Pavillon de Breteuil, Sèvres (S.-et-O.).
**Jouaust** (R.), inĝ. elektristo, 18, boulevard Saint-Michel, Paris.
**Jouis** (E.), agronomisto, Impasse du Champ-de-la-Justice, Rennes (Ille-et-Vilaine).
**Kostecki** (J.), juristo, 2, rue Perronet, Paris VII.

**Laignier** (M.), advokato, 30, rue Dupont-des-Loges, Nancy (Meurthe-et-Moselle).
**Lapiné** (E.), 69, avenue Charles-Floquet, Parc Saint-Maur (Seine).
**Laqueille** (M.), konstru-inĝeniero, 12, rue Desaix, Paris XV.
**Lauras** (J.), inĝ.-elektristo, 29, rue Madame, Paris VI.
**Leblanc** (M.), inĝ.-elektristo, 47, boulevard de Versailles, Suresnes (S.-et-O.).
**Leroudier** (H.), industriisto, chemin du Luizet, Lyon (Rhône).
**Lhermitte**, prof. de matematikoj, 32, rue de Lubeck, Paris.
**Lumière** (L.), fizikisto, scienca akademiano, 262, cours Gambetta, Lyon (Rhône).
**Magnus-Focké** (S-ino), Esperanto-Oficejo, 15, rue Saint-Eloi, Orléans (Loiret).
**Marly** (P.), negocisto, 11, rue Ad.-Bayssellance, Bordeaux (Gironde).
**Mendel**, doktoro kuracisto, 4, rue Marcel-Renault, Paris XVII.
**Mesny** (R.), prof. de navigacio, 21, rue Jacob, Paris VI.
**Moissenet**, eks-ŝtata inĝeniero de vojoj, villa Odette, Dax (Landes).
**Pfanner** (J.), inĝeniero, 257, rue de Solferino, Lille (Nord).
S. **Polgar** (V.), presisto, 33, rue Lacépède, Paris V.
**Poncet** (L.), doktoro kuracisto, Coligny (Ain).
**Préaubert**, 23, rue Proust, Angers (M.-et-L.).
**Reddon** (H.), doktoro kuracisto, villa Penthièvre, Sceaux (Seine).
S. **Rollet de l'Isle**, eks-generala hidrografiisto inĝeniero, 35, rue Du Sommerard, Paris V.
S. **Rousseau** (C.), apotekisto, 4, place de la République, Levallois-Perret (Seine).
**Sebert** (H.), generalo, scienca akademiano, 14, rue Brémontier, Paris XVII.
**Sentis** (H.), profesoro, 11, boul. Agutte-Sembat, Grenoble (Isère).
**Systermans**, fervojista inspektoro, 21 *bis*, rue Duhesme, Paris XVIII.
**Tiard** (C.), ŝtata inĝ. de vojoj, 209, faubourg Saint-Denis, Paris X.
**Vanverts** (D-ro J.), kuracisto, 236, rue de Solférino, Lille (Nord).

## Germanujo

**Aron** (E.), advokato, Passargestr. 11, Königsberg.
**Arnhold**, bankisto, Waisenhaŭsstr. 20, Dresden.
**Behrendt**, poŝt-konsilisto, Hohenstaufenstrasse, 24, Berlin W. 30.
**Bluth** (Fr.), doktoro kuracisto, Bad Neuenahr (Rheinland).
**Carnap** (R.), doktoro, Buchenbad (Baden).
**Dietterle** (Prof.), doktoro profesoro, 10, Seumestrasse, Leipzig.
S. **Döhler** (W.), Rosenplatz, 16, Riesa a/Elbe.
**Döring** (Fr.), komercisto, Zasiusstr. 6, Freiburg i. Br.
S. **Dühring** (Fr.), fiziko-matematikisto, 1, Zentralstrasse, Leipzig.
**Emden** (Fr. Van), doktoro biologiisto, Thomaslusstrasse, 8/II, Halle.
**Francke** (Fr.), advokato, 145-I, Lindwurmstr., München.
**Frenckell** (K. von), inĝeniero, Waisenhausstr., 20, Dresden.
**Freŭdenberg** (A.), doktoro kuracisto, Nassauischestr., 51, Berlin W.
**Haefeker** (K.), biologiisto, 43, Frankfurterstrasse, Siegburg (Rheinl.).
**Hanauer** (J.), doktoro bibliotekisto, Kaiserin-Augusta Allee 37, Charlottenburg-Berlin.
**Kayser** (G.), profesoro, Bismarckstrasse, 50 *a*, Riesa a/Elbe.
**Meyer** (G. J.), Spitalgasse, A. 211, Augsburg.
**Reichel** (W.), studkonsilisto, 32, Kasernenstrasse, Kamenz (Saks).
S. **Schönrich** (K.), instruisto, Emserstrasse, 58, Wiesbaden.
**Schwangart** (S-ino E.), 23-I Terrassenfer, Dresden.
**Steche** (A.), industriisto kemiisto, Moschelesstrasse 7, Leipzig.
**Stiller** (F-ino J.), sekretariino, 57, Rigaerstrasse, Berlin.
**Tarnow** (P.), inĝeniero, Galkhaŭsen, bei Langenfeld (Rheinl.).
**Walde** (G.), komercisto, 3, Markt, Waldheim (Saks.).
**Wolff** (Fr.), 1, Conradstrasse, Wansee bei Berlin.

**Wüster** (E.), scienca inĝeniero, elektristo kaj terminologo, 14, Schillerstrasse, Charlottenburg (Berlin).

## Hindujo

**Halliday** (S-ino K.), Chartered Banks India, Australia & China, Bombay.

## Ĥinujo

**Kenn** (Won), 15, Hong Kong Chik street, Canton.

## Hispanujo

**Azorin** (Fr.), arkitekto, Claudio-Marcelo, 18, Cordoba.
**Gaston** (E.), advokato, Don Jaime, 1, 68, Zaragoza.
S. **Herrera** (E.) milita aeronaŭtika inĝeniero, II, Espalter, Madrid,
S. **Inglada** (V.), kolonelo, prof. de geodezio, 50-2ª, Guzman el Bueno, Madrid.
**Mangada-Rosenorn**, oficiro, 5, Glorieta de Bilbao, Madrid.
**Maraury** (R.), advokato, dogana administracio, Gran Via, 34-2ª, Bilbao.
**Paluzie** (J.), ĥemio-studento, 337, Diputacion, Barcelona.
**Ribaz de Pina** (M.), oficiro de artilerio, Palma de Mallorca.
**Santamarina** (A.), advokato, Teruel.
**Santamarina** (A.), policestro, Rabasa, 45-4º-3ª, Barcelona.
S. **Torrès y Quevedo**, inĝeniero matematikisto, Valgame Dios, 3, Madrid.

## Hungarujo

**Balkányi** (P.), bankoficisto, Hajós utca 15-II, Budapest VI.
**Beck** (S.), doktoro kuracisto, prof. de dermatologio, Universitato de Pécs.
**Fenyvessy** (B. de), doktoro kuracisto, prof. de higieno, Universitato de Pécs.
**Gorka** (S.), doktoro kuracisto, prof. de biologio, Universitato de Pécs.
**Imre** (J.), doktoro kuracisto, prof. de okulatrio, Universitato de Pécs.
**Kökény** (L.), parlamenta stenografisto, en Budapest X.
**Mansfeld** (G.), prof. de farmakologio, Universitato de Pécs.
**Pekár** (M.), doktoro kuracisto, prof. de fiziologio, Universitato de Pécs.
**Rácz de Kövesd** (B.), doktoro, apelacia juĝisto, 4, Verseny, Budapest.
**Rhorer** (L. de), doktoro, prof. de fiziko, Universitato de Pécs.
**Takács** (J.), doktoro kuracisto, Váczi u. 8, Budapest IV.
**Tóth** (Vince), juristo, Eötvös u. 37-I. 9. Budapest VI.
S. **Vörös** (C.), doktoro, 27-33, Váczi utca, Budapest IV.

## Islando

**Hordarson** (H.), verkisto, Styrimannastig, 9, Reykjavik.
**Thorstein-Thorsteinsson**, statistikisto, Langaveg, 10, Reykjavik.

## Italujo

**Cesarini** (F.), int. finanza, Potenza.
**Federazione Esperantista Italiana**, 3, via Indipendenza, Livorno.
S. **Gagnotto** (L.), inĝeniero ŝipkonstruisto, R. arsenale di La Spezzia.
**Kindt** (G.), astronomiisto, via S. Marco, 101, Pistoia.
S. **Montezemolo** (marchese generale C. C. di), Castiglioncello, Pisa.
**Orengo** (R.), inĝeniero, 3, via Manzoni, La Spezzia.
**Peri** (A.), inĝeniero, Casella postale, 121, La Spezzia.
**Sekretario de Realo Politecnico**, Milano.
**Riem** (R.), inĝeniero, 42, via Sicilia, Roma.

**Societa di Chimica Industriale**, via San Paolo, 10, Milano, 3.
S. **Stromboli** (A.), inĝ. metalurgiisto, 17, Lungarno Regio, Pisa.
**Torre** (P.), librotenisto, via San Lorenzos, Genova.

## Japanujo

S. **Japana Esperanto Instituto**, Uŝigome, Ŝin-Ogaua maĉi III-14, Tokio.
**Riej Hasegaŭa** (Prof.), juristo, Imperia Universitato, Seoul, Corée.

## Jugoslavujo

**Crlenjak** (M.), doktoro kuracisto, Palmotiĉeva 20/1, Zagreb.
**Domac** (J.), doktoro kuracisto, Ilica 40, Zagreb.
S. **Maruzzi** (D.), docento de Esperanto, Universitato de Zagreb.
**Rotkviĉ** (J.), absolvinto de juro, 12, Pivarska, Zagreb.
**Schiesl** (V.), advokato, Donji Miholjac.
S. **Staniŝiĉ** (P.), advokato, Zemun.
**Ŝtern** (J.), doktoro, direktoro de la Radio-Sendstacio, Zagreb.
**Sudslava Esperanto Servo**, Zagreb.

## Kanado

**Brault**, doktoro kuracisto, Hôpital et Maternité privés, Parent.

## Litovio

S. **Benŝaĥar** (J.), universitata profesoro, Ugniagesi g. v. 5, Kaŭnas.
S. **Maĉernis** (J.), Mokyt Seminarija, Telsiai.
S. **Yankowski** (Pl.) profesoro de Universitato, str. Miskevic, Kaŭnas.

## Maroko

**Richard** (C. V.), ĥemiisto, rue Jules Raulin, Tanger.

## Monako

**Richard** (J.), oceanografiisto, Musée océanographique, Monaco.

## Nederlando

D. S. **Koninklijk Instituut van Ingenieurs**, Den Haag.
S. **Baart de la Faille** (C.), doktoro, profesoro, 8, Roellstraat, Arnhem.
**Evenbly** (S.-J.), Badhuisstraat, 103, Scheveningen.
**Groen** (K.), Schandelersgats, 37, Heerlen (Limburg).
S. **Holleman** (A. F.), prof. de ĥemio ĉe Amsterdam'a Universitato, Bloemendal.
S. **Isbrücker** (J. R. J.), telefon.-inĝeniero, Oostduinlaan, 32, Den Haag.
**Koopmans** (A. H.), inĝeniero, Achter de Hoven, 75F., Leeuwarden.
D. S. **Offerhaus** (S-ino C.), apotekistino, Groot Hertoginnelaan, 154, Den Haag.
D. S. **Mouthaan** (J. F.), inĝeniero, 59, Nieuwe Plantage, Delft.
**Van Hengel** (J.), eldonisto, Huize Gooiershove, Eemnes.

## Norvegujo

**Bonnevie** (H.), Bergliens gate, 11, Oslo.
**Heegaard** (P.), Universitata prof., Lilleaker, p. b. 105, Oslo.
**Paulsen** (R. B.), ĉefleŭtenanto, Ovre Smestad v. Aker, Oslo.

## Novzelando

**Andrew** (S.), ĵurnalisto, Kilding.

## Polujo

Blassberg (M.), doktoro kuracisto, Starowilsna, 18, Krakow.
D. S. **Bujwid** (O.), doktoro kuracisto, Lubicz, 34, Krakow.
**Gelibter** (S.), doktoro kuracisto, Zamoŝc.
**Kiewszcynski** (T.S.), doktoro kuracisto, 30, st. Brzeska, Biala-Podlaska.
**Krenicki** (J.), doktoro kuracisto, Lessno, 66, Varsovio.
**Lisovski** (A.), natursciencisto, Kielce.
**Litaŭer** (J.), prokuroro, Marszalkowska, 81, Varsovio.
S. **Loth** (E.), inĝeniero ĥemiisto, Zamkova, 26, u. Pabjanice.
**Robin** (W.), doktoro kuracisto, Marszalkowska, 113, Varsovio.
**Zurkowski** (J.), doktoro kuracisto, Wesola, 27, Kielce.

## Rumanujo

**Fischer** (H.), industriisto, 19, Alea Suter, Bucureŝti.

## Saarteritorio

**Meyer** (E.), doktoro kuracisto; 9, Duelweilerstrasse, Saarbrücken.

## Svedujo

**Akerberg** (N. P.), prof. de botaniko, 10, Hagagatan, Stockholm.
**Beckman** (B.), fil. magistro, 30, Eric Dahlbergsgatan, Göteborg.
**Ekelin** (B. M.), prof. de matematikoj, Engelbrektsg., 9-11, Stockholm.
**Fahlstadt** (C. A.), prof. lingvisto, 10, Hötorget, Stockholm.
**Folke** (Pastro), teolog. kandidato, Kammakareg, 12, Stockholm.
**Gyllander** (G.), prof. de historio, 100, Djurgärdsslatten, Stockholm.
**Hakansson** (E.), inĝeniero, Ulriksdal.
**Jacobsson** (V.), prof. de liceo, Bredablick, 2, Lidingö.
D. S. **Jansson** (S.), rektoro, Skagen 23, Lidingö I.
**Nordlung** (N. A.), prof. de liceo, Vasagatan, 1, Kristianstad.
**Ohlsson** (C.), instruisto, Grevture Gatan, 22b, Stockholm.
**Stalfelt** (M. G.), prof. de biologio, 34, Dalagatan, Stockholm.
**Strömberg** (R.), prof. de liceo, fiziko, 31, Dalagatan, Stockholm.
**Westerlin** (J.), prof. de liceo, filozofio, Falugatan 5-III, Stockholm.

## Svisujo

**Jaccard** (M.), ĥemiisto, 9, rue Voltaire, Lausanne.
**Plattner** (A.), doktoro kuracisto, Landquart-Fabriken, Bern.
**Privat** (E.), doktoro, 2, chemin de Roches, Genève.

## Urugvajo

**Legrand** (E.), profesoro, 140, Larranago, Montevideo.

## Usono

**Clegg** (R. I.), inĝeniero, 225, North Michigan avenue, Chicago.
**Cottrell** (F. G.), inĝ. ĥemiisto, 3901, Ingomar str., Washington N. W.
**Frost** (N. W.), linotipisto, 12, Ash Place street, Cambridge (Ma.)
**Hyman-Levine**, inĝ. (meĥaniko), 1655, Lincoln street, Denver (Col.)
**Lambert** (L. C.), College of Business Admon of Boston University, 99, Newbury str., Boston (Ma.).
**Lehman-Wendell**, doktoro dentisto, 615, Lasalle Building, Minneapolis.
S. **Patterson** (A. M), ĥemiisto, 221, New-King, Xenia (Ohio).
**Rosher** (E. M.) inĝeniero (fervojoj), 125, Beulah str., San Francisco.
**Saba** (G.), arkitektisto, P. O. Box 157, Universitato de Illinois, Urbana (Ill.).
S. **Seidell** (A.) ĥemiisto, 2301, Connecticut avenue, Washington.

# NACIAJ DELEGITOJ

En la n° 2 de nia Bulteno ni donis liston de niaj naciaj delegitoj; ĉar estas kelkaj ŝanĝoj kaj aldonoj je tiu listo, ni donas ĝin denove:

**Aŭstrujo.** — D-ro Ad. Halbedl, 24, Schulgasse, Graz.
**Belgujo.** — C. Vandevelde, Zwart Heirestraat, 230, Gentbrugge.
**Britujo.** — J. O. Lechmere-Oertel, 258 Kingston Rd, Teddington, Middlesex.
(Anstataŭata ĝis majo, de S-ro Relf, 100, Broom Rd. Teddington).
Mc Cormick, 5, Mount Eden Rd. Donnybrook, Dublin.
**Ĉeĥoslovakujo.** — D-ro St. Kamaryt, Telocvičná, 3, Bratislava.
**Danujo.** — A. Taumose, Mollagade, 25-*a*, Kopenhavn.
**Finnlando.** — Uuno Pesonen, Tunturilaaksonk, 13, Helsinki.
**Francujo.** — Rollet de l'Isle, 35, rue Du Sommerard, Paris.
**Germanujo.** — Behrendt, Hohenstaufenstrasse, 24, Berlin W. 30.
**Ĥinujo.** — D-ro Won Kenn, 15, Hong Kong Chik str., Canton.
**Hispanujo.** — J. Mangada Rosenorn, Gloriete de Bilbao, 5, Madrid.
**Hungarujo.** — P. Balkányi, Hajós utca, 15, II, Budapest VI.
**Italujo.** — D-ro A. Stromboli, Lungarno Regio, 17, Pisa.
**Jugoslavujo.** — Sudslava Esperanto-Servo, Zagreb.
**Litovio.** — P. Yankowski, profesoro de Universitato, Kaŭnas.
**Maroko.** — C. V. Richard, rue Jules Raulin, Tanger.
**Nederlando.** — D-ro Baart de la Faille, Röellstraat, 8, Arnhem.
**Norvegujo.** — R. Bugge Paulsen, Ovre Smestad, V. Aker, Oslo.
**Polujo.** — P-ro O Bujwid, Lubicz, 34, Krakow.
**Rumanujo.** — H. Fischer, Alea Suter, 19, Bucureŝti.
**Svedujo.** — S. Jansson, Skagen, 23, Lidingo I.
**Svisujo.** — M. Jaccard, rue Voltaire, 9, Lausanne.
**Urugvajo.** — E. Legrand, Larranago, 140, Montevideo.

# VIVO DE NIA ASOCIO

Kiel ni sciigis en la lasta Bulteno, la ĝenerala sekretario sendis dankajn leterojn al la eminentaj personoj, kiuj bonvolis gastigi la membrojn de nia Asocio dum la ekskursoj post la **Kongreso de Edinburgo.** Ni ricevis afablajn respondojn de *Sir W. G. Armstrong Whitworth and Co (Newcastle), de Lord Mayor de Newcastle, de General manager de Dundee Harbour trust, de S-ro Mayor de Berwick, de Thompson and Co de Dundee.* El tiuj respondoj oni povas konstati, ke la vizito de niaj membroj faris utilan impreson, kies rezultatojn ni plimalpli frue rikoltos; interesa, je tiu vidpunkto, estas publikigado de broŝuro, esperante redaktita, pri la haveno de *Dundee,* kiun la lokaj aŭtoritatoj disdonis al la vizitantoj, kaj al la ĝenerala sekretario de I. S. A. E.

Ni ĵus sciiĝis, ke nia kolego **D-ro Roberto Maraury** estas elektita Akademiano, t. e. membro de la Reĝa Hispan-Amerika Akademio pri Sciencoj kaj Artoj. Ni estas certaj esprimi la senton de nia tuta membraro gratulante tutkore nian kolegon.

En niaj statutoj la 4-a artikolo diras : la **honoraj membroj** *estas elektataj de la Komitato.....* Ĉar kelkaj delegitoj jam proponis al ni nomojn de personoj, kiujn oni povus demandi ĉu ili bonvolus akcepti tiun honoron, ni intencas prezenti tian liston al la Komitato. Sed, antaŭe, ni petas denove la naciajn delegitojn, kiuj ne tion faris, sendi al la ĝenerala sekretario, proponojn pri sciencistoj kaj teknikistoj de sia lando, kiujn ili opinias indaj je tiu titolo.

Tiuj petoj estas taŭga rimedo unue por altiri atenton de tiuj eminentaj personoj al Esperanto, kaj due por konstati la simpatiojn pri nia lingvo jam ekzistantajn en iliaj rondoj. Sekve ni vigle invitas niajn delegitojn profiti tiun okazon por laboradi pri nia afero ; ĉar la titolo de honora membro ne postulas pagon de kotizo, ili eble havos pli da sukceso ol por la varbado de novaj membroj — tamen ĉefe dezirinda.

Koreĝe ni dankas la **Sudslavan Esperanto-Servon** de *Zagreb*, kiu propramove varbis por nia Asocio sep novajn membrojn, el kiuj du subtenantojn. Plie tiu Instituto bonvolis akcepti nacian delegitecon por Jugoslavujo.

## AGADO DE NIA ASOCIO

Tre rimarkinda — sed facile antaŭvidebla — estas la ĥuna movado de la internaciaj teknikaj organizaĵoj rilate al starigado de **internaciaj terminaroj** de iliaj fakoj. En tiuj lastaj monatoj ni sciiĝis, ke la « Internacia Unuiĝo de la Fervojoj » kaj la « Internacia Kongreso de la Vojoj » decidis elekti komitaton, komisiitan por verki tiajn terminarojn.

Tio estas bona okazo por konigi al tiuj organizaĵoj la servojn, kiujn Esperanto kapablas fari en tia laborado. Oni povas samtempe montri la profitojn, kiujn tiuj internaciaj organizaĵoj ricevus uzante Esperanton por interrilatoj kun siaj diversnaciaj membroj, ĉu dum la ĉiutagaj laboroj, ĉu dum la kongresoj aŭ konferencoj.

Por montri kiamaniere oni povas prezenti la solvon alportatan de Esperanto, ni donas ĉi sube tradukon de letero, kiun ni sendis al grava membro de la kongreso de la vojoj pri tiu temo :

« .... Mi deziras altiri vian atenton al demando, kiu certe
« interesos vin, ĉar ĝi estas por vi tute aktuala.

« Mi sciiĝis, ke la malfacilaĵoj renkontitaj por la traduko
« de la labor-kontraktoj en la tekniko de la vojoj, instigis
« la internacian kongreson, kiu ĵus okazis en Romo, decidi
« komisii internacian komitaton por starigi nomenklaturon
« de tiu tekniko en la diversaj lingvoj.

« Tiu komitato renkontos, por determini kunrespondadon
« de tiuj terminoj, samajn malfacilaĵojn jam renkontitajn en
« aliaj teknikoj : la nura praktika solvo konsistas starigi
« nomenklaturon en iu lingvo, en kiu oni povu senĝene krei
« la terminojn kaj difini ilin laŭ logiko ; tiamaniere oni
« kreos veran ajŝaron, al kiu oni povas kompari la naciajn
« nomenklaturojn, anstataŭ amasigi erarojn komparante
« inter ili la naciajn nomenklaturojn.

« Tia solvo estus utopio se tia lingvo — Esperanto — ne
« ekzistus kaj ne estus pruvinta sian taŭgecon, je la scienca

« kaj teknika vidpunktoj, jam de 40 jaroj. Starigado de kelkaj « teknikaj terminaroj (puraj sciencoj, aeronaŭtiko, radio- « tekniko, k. t. p.) pruvas, ke ĝi alportas ĝeneralan kaj sen- « mankan solvon de la problemo.

« Ĝi alportas alian solvon pli utilan : ĝia uzo forigus la « barojn, kiujn uzo de kelkaj oficialaj lingvoj starigas kontraŭ « la diskutadoj en la Internaciaj Kongresoj ; vi mem, en « Romo, denove tion konstatis, ĉar al vi estis trudata uzo « de kvar naciaj lingvoj, kio praktike malhelpas ĉiujn frukto- « donajn diskutadojn inter diversnaciaj teknikistoj, tamen « celojn de la kongreso.

« Ne temas akcepti estonte nur Esperanton, kiel oficialan « lingvon (kvankam scipovado de tiu lingvo estas treege « facila) ; sed se vi opinias, kiel mi, ke, en tiu demando, « kuŝas progreso de netaksebla valoro, la plej bona maniero « komenci ĝian realigadon estus akcepti Esperanton inter la « oficialaj lingvoj, redakti en tiu lingvo resumojn de la doku- « mentoj de la kongreso, kaj utiligi ĝin, kiel mi supre diris, « por la projektita nomenklaturo.

« La valoro de Esperanto estas tiel evidenta, ke sufiĉos « altiri tiamaniere atenton de la teknikistoj al tiu lingvo — « kies ekzistadon multaj ne konas — por ke ili komprenu « la gravecon de la servoj. kiujn ĝi kapablas plenumi ; kaj « sekve tiu granda progreso estos baldaŭ realigata ».

Kongreso de **Internacia Rotary-Club,** grava asocio, kiu entenas 110.000 membrojn en 32 landoj, okazos en *Ostende* (Belgujo), la 5-an de Junio 1927. Jam kelkaj samideanoj, membroj de tiu asocio, propagandis en siaj kluboj, kaj sukcesis interesigi ilin pri Esperanto, ĉar la idealo de la rotarianoj multe similas Esperantismon.

Por utiligi tiujn unuajn sukcesojn kaj ebligi efikan agadon en la kongreso, estas necese, ke la rotariaj esperantistoj interkonsiliĝu.

*Pro tio, ili estas petataj konigi, kiel eble plej baldaŭ siajn nomon kaj adreson al S-ro Rollet de l'Isle, 35, rue du Sommerard, Paris (5e).*

**L'École Supérieure des Travaux Publics, du Bâtiment et de l'Industrie** (Speciala lernejo por inĝenierarto, domkonstruado kaj

industrio) en Paris, kiu posedas la plej kompletan kaj plej gravan organizaĵon en Franclando por teknika perkoresponda instruado, estas preta utiligi tiun organizaĵon por la profito de ne esperantistaj teknikistoj kaj inĝenierlernantoj.

Kiel unua provo ĝi komisiis areton da kompetentaj esperantistoj por traduki ĝian tutmonde konatan kaj ŝatatan kurson pri *armbetono* (ekzercoj kaj korektaĵoj).

La interesatoj bonvolu doni, per simpla poŝtkarto, nur sian aprobon, sen ia ajn plua memdevigo. Ili ricevos postnelonge ĉiujn necesajn detalajn informojn.

Ni varme konsilas al niaj amikoj fari ĉion eblan por sukcesigi tiun praktikan aplikon de Esperanto, ĉar ĝi liveros potencan argumenton por la disvolvigo de nia lingvo en la teknikaj kaj sciencaj medioj. Multaj skribu. Jen la adreso: *S-ro Direktoro de l'Ecole Supérieure des Travaux Publics, 3, rue Thénard, Paris (Ve).*

## PROGRESOJ

Laŭ instigo de nia samideano **S-ro Systermans**, ĉefinspektoro de la Ŝtata franca fervoja Kompanio, la Administra Komitato de la **Antialkohola Societo de la francaj fervojistoj** decidis interesiĝi pri Esperanto kaj komencis publikigi kurson en sia oficiala organo.

Plie, dank' al agado de nia samideano, la internacia kongreso de la Fervojaj abstinentuloj, kiu okazis en Parizo dum la monato de Novembro 1926, akceptis unuanime la sekvantan deziresprimon:

*La Internacia Kongreso de la Federacio de la Abstinentulaj Societoj de la fervojistoj, konvinkata pri la graveco de la interkomprenado en internacia kongreso, konscia pri la malfacilaĵoj, kiujn havas kelkaj societoj por trovi inter siaj membroj delegitojn scipovantajn fremdajn lingvojn uzatajn en la kongresoj, opinias, ke komuna helpa lingvo estus treege utila kaj esprimas la deziron, ke la sekretario preparu por la venonta kongreso raporton pri la rezultatoj jam akiritaj rilate tiun temon.*

Nedubeble estas, ke tiu raporto konkludos pri alpreno de nia lingvo.

Aliflanke la « Fervojisto », oficiala organo de la Internacia Asocio de la esperantistaj fervojistoj (Aŭgusto-Septembro 1926) raportas pri la konferenco de fervojista oficisttaro okazinta en *Amsterdam*, sub gvidado de Internacia Transportlaborista Federacio.

*S-ro William*, unu el la reprezentantoj de la angla fervoja Asocio diras : « *La tago, kiam estos malaperintaj diferencoj inter landoj kaj lingvoj, kaj kiam ĉiuj en fervoja ofico troviĝantaj dungitoj formos unu tuton por protekto de siaj interesoj kaj de la interesoj de tutmondaj laboristoj ne estas malproksima* ».

Kaj *S-ro Cramp*, prezidanto, aldonis : « *Internaciaj kunvenoj estas tre interesaj. Pro la necesa laboro je tradukado estas malfacile ilin gvidi kaj sekvi la diskutojn. Ni havas ĉi-tie kelkajn bonajn tradukistojn, dank' al kiuj ili estis pli interesaj ol kutime. Ĝis ni ĉiuj estos Esperantistoj, daŭros por reciproka interkompreniĝo ĉi tiuj malfacilaĵoj* ».

Oni scias, ke la I-a Kongreso de la **Internacia Federacio de la Teknika Gazetaro** esprimis la deziron, ke la teknikaj gazetoj publikigu esperantajn resumojn de la artikoloj nacilingve redaktitaj.

Ĉe la II-a Kongreso de tiu Federacio, kiu okazis en Romo, je la monato de Oktobro, raporto estis prezentata de nia samideno *Gourlay*, pri la rezultatoj de tiu deziresprimo. Oni konstatis, ke tre malmultenombraj estis la gazetoj, kiuj plenumis tiun deziron, kaj oni proponis, por atingi la celon, starigi apud la ĝenerala sekretariejo de la Federacio, *specialan esperantan oficejon*, komisiitan kiel organon de informado kaj tradukado. Tiu propono estis unuanime akceptata de la kongreso.

Tiu oficejo, kies direktoro estos *S-ro Gourlay*, havos sian sidejon en la oficiala oficejo de la Federacio, t. e. en la sidejo de la « Internacia Komerca Ĉambro » en Parizo.

La ĝenerala Sekretario ricevis leteron de la Administranto de la **Muzeo Tolstoi de l' Akademio de Sciencoj de U. R. S. S.**, kiu petis sciigojn pri nia Asocio, kaj esprimis la deziron komenci korajn kaj seriozajn rilatojn, utilajn al ambaŭ organizacioj. Tuj la ĝenerala Sekretario respondis per dankega

akcepto; nedubinde estas, ke tiaj rilatoj helpos nian propagandon en la sciencaj kaj teknikaj rondoj de tiu granda lando.

## SCIIGOJ

Ni sciiĝas, ke nia samideano **Obruĉev,** profesoro de geologio ĉe Universitato de *Leningrad,* ricevis de la Scienca Akademio premion de *Lenine* (2.000 rubloj) por sia pristudado de la geologio de Siberio.

La unuan de Novembro, okazis en Lyon (Francujo) kongreso de studentoj de la Universitato, kies celo estis fondado de **Franca Universitata Federacio.** *S-ro Herriot,* ministro de la Publika Instruado, akceptis prezidantecon de la patronada Komitato, kaj oferdonis mil frankojn je la nomo de la urbestraro. Post konferenco de *S-ro Cart,* prezidanto de la Esperantista Akademio, la statutoj de la nova federacio estis starigataj. Jam estas grupoj en kelkaj francaj universitatoj, inter kiuj oni povas citi tiujn de *Parizo, Grenoble, Lille, Bordeaux,* k. t. p.

## SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

En la 4-a numero de 1926 de **Internacia Medicina Revuo** estas presitaj kelkaj unuaj paĝoj de *Provo de teknika medicina vortaro;* ĝi estas aranĝata laŭ alfabeta ordo, kaj ĉiu vorto havas ordan numeron. La klarigoj estas esperante redaktataj kaj ofte estas aldonataj la tradukoj en latina aŭ nacia lingvo. La legantoj estas invitataj prepari alfabete ordigatan liston de la teknikaj vortoj en ilia nacia lingvo, kaj aldoni apud ĉiu el ili la numeron, kiun ĝi havas en la vortaro; tiamaniere ili trovos facile tradukon de nacia termino.

Ni rimarkigas, ke per tiu metodo — kiun ni uzas en la teknikaj vortaroj, kiujn ni nun komencas publikigi — oni povas starigi internacian terminaron utilan por neesperantistoj; sufiĉus publikigi la diversajn naciajn listojn, en kiuj la kunrespondantaj vortoj havos saman numeron. Se oni aldonas laŭnumeran tabelon, kiel ni faris, estas facile traduki el iu lingvo en alian, kiam oni havas la du naciajn listojn. Tamen ni bedaŭras, ke oni ne aldonis klarigan tekston, nacilingve

redaktitan, kiel estas farata en niaj vortaroj, se ne por ĉiuj partoj de la vortaro, pri kiuj eble tio ne estus farebla, almenaŭ pri ĉiuj partoj, kie tiuj klarigoj ebligus fiksi la precizan signifon de la vortoj.

S-ro **Fröding**, fakestro de *meblofabrikado*, ne ricevis sufiĉe frue nian alvokon por raporto pri la farita laborado, pro ŝanĝo de adreso (nuna : 221 Seventh str., Rockford, Illinois U. S.); li sciigas, ke li komencis la liston de la teknikaj vortoj, sed devas atendi por plue laboradi, ĝis kiam li estos ricevinta helpon de kunlaborantoj diversnaciaj.

Nia kolego *S-ro F. Azorin*, sciigas nin, ke li nun redaktas hispanlingve verkon, sub la titolo « Universala Terminaro por **Arkitekturo** », kiu estas verdire teknika vortaro hispan-esperanta. La laboro estas tre antaŭenigata kaj ĝi estos publikigata de la Scienca Akademio de *Cordoba*, kies membro estas nia kolego.

En nia Raporto pri la laborado de la Sekcio de la T. V. prezentita al la Akademio kaj publikigita en la 4-a numero de nia Bulteno, ni citis nian samideanon **R. Maraury**, kiel neplenumitan la laboron rilate al dogana vortaro. Ni devas kontraŭdiri tiun aserton, ĉar ni ricevis la aluditan verkon; sed bedaŭrinde la Raporto estis tiumomente jam redaktita kaj publikigita; kun granda plezuro ni, per tiuj vortoj, provas kompensi por nia kolego nian nevolan neĝustan sciigon.

En « Germana Esperantisto » (Aprilo 1926), *S-ro Wuster* publikigas artikolon pri la ĉefaj terminoj de la elektromagnetaj fenomenoj, en kiu li proponas uzi la du radikojn *indukt* kaj *induk*, por forigi la neprecizaĵojn de la naciaj terminoj rilataj je tiuj fenomenoj.

S-ro **Scott** publikigas en « Heroldo » vortaron de Filatelio ordigitan laŭ la alfabeta esperanta ordo kune kun kelkaj nacilingvaj tradukoj.

Je la monato de Oktobro aperis la unua broŝuro de la *Kolekto de internaciaj teknikaj terminaroj konsistantaj*

*el nacilingvaj leksikonoj*, kies publikigadon ni jam antaŭ kelkaj monatoj anoncis. Tiu broŝuro entenas la **Francan leksikonon de la Aeronaŭtiko**; ĉiuj broŝuroj de la kolekto estos samformaj, ĉiu el ili rilatas al unu fako kaj estas redaktita en unu nacia lingvo aŭ Esperanto.

Ekzemple la internacia terminaro de aeronaŭtiko, baldaŭ entenos hispanan leksikonon, italan leksikonon, anglan leksikonon kaj esperantan leksikonon; preskaŭ ĉiuj estas jam redaktitaj kaj eĉ jam en presado; kompreneble oni povos aldoni tiom da lingvoj, kiom oni deziras.

Tiuj broŝuroj estas aranĝitaj tiamaniere, ke oni povas trovi tradukon de iu termino de iu lingvo en alian, se oni posedas la broŝurojn redaktitajn en tiuj du lingvoj. Oni vidas, ke tiuj terminaroj konsistigas esperantajn terminarojn pro tio, ke havante la esperantan leksikonon kaj la leksikonon de sia nacia lingvo, oni povas traduki de tiu lasta en Esperanton kaj reciproke.

Sed plie tiu kolekto povas esti uzata de neesperantistoj, kiel la aliaj jam publikigitaj internaciaj terminaroj.

La internacia terminaro de Radiotekniko baldaŭ aperos, komencante per la franca leksikono.

En *literatura informilo de F. Hirt und Sohn*, *P-ro Cart*, prezidanto de la Akademio, publikigas « kelkajn rimarkojn pri la propraj nomoj en Esperanto kaj ilia transskribo », en kiuj li diras: « Mia konvinko estas, ke ian
« tagon... kiam Esperanto estos larĝe, ĝenerale disvastigita,
« oni transskribos en Esperanton, oni tradukos esperanten,
« plej ofte uzatajn proprajn nomojn.... » kaj li aldonas:
« Praktike ni do devas transskribi la familiajn nomojn, kiel
« eble plej fidele kun helpo de nia esperanta alfabeto, al kiu
« oni povas aldoni por tia celo la tre internaciajn literojn : W,
« X (Y?). Se oni deziras... montri la prononcon almenaŭ
« proksimume al la leganto, oni donu ĝin la unuan fojon
« post la nomo, inter krampoj, aŭ per noteto malsupre de
« la paĝo, aŭ en speciala listo je la fino de l' libro... ».

De l' Prezidanto de l' Akademio ni ricevis tre klaran noton pri **Landnomoj** laŭ Zamenhofa sistemo, kiun ni publikigos en venonta numero.

---

Centra Presejo Esperantista (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris • Le Gérant : ROLLET DE L'ISLE.

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

## (I. S. A. E.)

---

# STATUTOJ

1. — La Asocio celas propagandi kaj apliki la internacian helplingvon Esperanto en la sciencaj kaj teknikaj rondoj kaj faciligi ĝian uzadon per ĉiuj rimedoj.

2. — Fariĝas Asocianoj la personoj akceptitaj de la Komitato.

3. — La Asocianoj konsistas el honoraj kaj aktivaj membroj. La aktivaj membroj entenas :

*a)* personojn ;

*b)* societojn kaj korporaciojn,

4. — La honoraj membroj estas elektataj de la Komitato kaj pagas neniun kotizon.

5. — Ĉiuj aktivaj membroj pagintaj la kotizon rajtas voĉdoni pri ĉiu demando.

6. — La Asocion administras Komitato konsistanta el 6—10 membroj elektitaj por du jaroj kaj anstataŭeblaj poduone ĉiudujare.

7. — La Komitato elektas estraron konsistantan el prezidanto, vic-prezidanto, ĝenerala sekretario, sekretario-kasisto.

8. — Ŝanĝoj en la statutoj povas esti decidataj nur se la du trionoj de la Asocianoj akceptas ilin per voĉdono ; sama nombro (2/3 de la Asocianoj) same estas necesa por decidi pri la finigo de la Asocio, kaj pri la uzo de la kapitalo restanta.

9. — La Asocio kuniĝas ĉiujare en ĝenerala kunsido. La decidoj alprenitaj de la ĉeestantoj estas konigataj al ĉiuj membroj ; tiuj decidoj estas aplikataj, se ne estas ricevita plimulto da kontraŭdiroj, dum la sekvantaj 3 monatoj.

### FAKAJ SEKCIOJ

10. — Se almenaŭ dek samfakistaj membroj tion proponas al la Komitato, faka sekcio povas esti fondata ; ĝia tasko estas propagandi kaj apliki Esperanton en ĝia speciala rondo.

11. — Faka sekcio povas havi estraron, regularon, bultenon kaj specialan kotizon krom tiuj de la Asocio, sed nur post aprobo de la Komitato.

12. — Faka sekcio kuniĝas almenaŭ unufojon jare.

### FINANCOJ KAJ KOTIZOJ

13. — La kotizo estas fiksita ĉiujare de la Komitato. (1)

14. — La Sekretario-kasisto prezentas ĉiujare raporton pri la financa stato de la Asocio, por aprobo de la ĝenerala kunveno.

---

(1) **Aktiva subtenanta membro** ; jara kotizo : 2,5 dolaroj ; dumviva kotizo : 40 dol.

**Aktiva membro** : jara kotizo : 0,5 dolaro ; dumviva kotizo : 10 dol.

**Societoj kaj Korporacioj** ; jara kotizo minimume 5 dol. ; 20-jara kotizo : 75 dol.

(Oni povas pagi la dumvivajn kotizojn per partaj monsumoj.)

## SCIENCAJ & TEKNIKAJ VERKOJ

Fr. fr.

**Vocabulaire Technique et Technologique Français-Esperanto** (Verax) . 4.—
**Enciklopedia Vortareto Esperanta** (Verax) . . . . . . . . . . . . . . . . 12.—
**Provo de Marista Terminaro** (Rollet de l'Isle). . . . . . . . . . . . . . 2.50
**Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio** (Rousseau) . . . . . . . 12.-

(Ĉe la LIBRAIRIE CENTRALE ESPÉRANTISTE, 51, rue de Clichy, Paris.)

**Maŝinfaka Esperanta Vortaro prielementa** (Wüster). . . . . . . . . . . —.—
**Enciklopedia Vortaro** *(I-a kaj II-a parto)* (Wüster) . . . . . . . . . . —.—

(Ĉe FERDINAND HIRT & SOHN, Leipzig.)

**Internacia Radio Leksikono seslingva** (D-ro P. Corret) . . . . . . . . 5.—

(Ĉe Librejo CHIRON, 40, rue de Seine, Paris.)

**Raporta Stenografio,** alfaro de la angla sistemo Pitman al Esperanto (Montagu C. Butler) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . —.—

## TEKNIKAJ REVUOJ

**Internacia Medicina Revuo**, jarabono 1 dolaro; abonejo: D-ro Briquet, 31, rue de la Bassée, Lille, France.

**Internacia Radio-Revuo**, jarabono 0,5 dolaro; abonejo: M. Chiron, éditeur, 40, rue de Seine, Paris, France.

CENTRA PRESEJO ESPERANTISTA (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris.